Linde Knöschke

# El sociologiaj analizoj pri GDREA[1])

Krom strategiaj demandoj por postmorgaŭ interesas ankaŭ strategiaj demandoj de hodiaŭ. La estraroj de landaj kaj aliaj asocioj bezonas informojn pri la membraroj, pri iliaj opinioj, motivoj, atendoj, bezonoj kaj kondiĉoj. Ju pli ekzaktaj la informoj des pli bone eblas plani la laboron, trovi taŭgajn argumentojn kaj krei allogajn kondiĉojn.

La kontinua strebo al mem-analizado en la internacia Esperantomovado estas tre forta. Abundas statistikoj, enketoj, sociologiaj esploroj. Inter la famaj estas la profesi-nivela sociologia enketo de ĈEA kaj la doktoriga studo de Peter C. Forster pri la Brita E-movado.

En GDREA mankis kaj mankas ĝis nun eblecoj por profesi-nivela esploro. Por ne perdi la tempon ni komencis provizore analizi certajn materialojn, pri kiuj mi poste informos pli detale.

Sociologiaj analizoj povas esti ege trompaj, se oni ne sukcesas eviti erarojn, kiuj povas rezulti el pluraj fontoj. La unua problemo estas la uzenda **metodo**. Sociologiaj metodoj kaj rezultoj estas same heterogenaj kiel la E-movado mem, dependantaj de deveno, sociordo, ideologioj. La faktoj pruvas je nenion, se mankas komentoj pri la kaŭzoj, socipolitikaj kondiĉoj ktp., kiuj en GDREA estas aliaj ol en aliaj movadoj.

La E-movado kiel „neŭtrala" movado estas ideologie ege heterogena. Estas malfacile trovi komunan sociologian lingvon. Marksismaj sociologoj traktas la esplorojn en firma rilato kun la socialisma socio kaj la laborista klaso, dum burĝaj sociologoj sekvas la plej diversajn skolojn kaj subsociologiojn. Inter la „modaj" branĉoj estas ekzemple la tielnomata positivismo, kiu pretendas okupiĝi nur pri empire kontroleblaj faktoj, laŭdire „valor-liberaj", do sen ia komento pri historiaj kondiĉoj.

Tre aktuala estas ankaŭ la tielnomata psikologismo, kiu rigardas psikajn faktorojn kiel ĉefaj motivoj de socia sinteno. Ĝi esploras la „rolon", la „funkcion", la atendojn de individuoj kaj grupoj kun la celo, esplori kaj konscience influi, manipuli, la esploritan socion aŭ societon.

Ankaŭ la tielnomata mikrosociologio analizas faktojn aŭ fenomenojn sendepende de la tutsocia problemaro. Ni trovas ĉiuspecajn analizojn kaj esplorojn ankaŭ en kaj pri la E-movado.

La analizoj pri GDREA, pri kiuj mi poste raportos, respegulas do **niajn** kondiĉojn, tradiciojn kaj problemojn.

Kiel materialo mi uzis enketojn kaj detalajn aliĝilojn al niaj ses ĝisnunaj centraj konferencoj (se vi volas:: landaj kongresoj). Partoprenis entute pli ol 500 diversaj personoj el ĉiuj 15 distriktoj de GDR, do pli ol triono de nia tuta membraro. Ŝajnas, ke tiu kvanto permesas ĝeneralajn konkludojn.

Jam la plej facilaj demandoj pri faktoj kiel aĝo, profesio, funkcio en la E-movado liveris foje dubindajn informojn. Identaj personoj indikis variajn faktojn tra la jaroj. Verŝajne iuj grupanoj anstataŭe plenigis la aliĝilojn por ili aŭ oni volis intence kaŝi sian aĝon, naskiĝtagon. Kompreneble dum 10 jaroj multaj homoj ŝanĝis kaj profesion kaj funkcion.

Netaŭgaj esplor-metodoj estas dua fonto de eraroj. Demandoj pri **opinioj** liveras tre necertajn respondojn, depende de karaktero, influoj, kondiĉoj ktp. Ili pruvas fakte nenion respektive malmulte. En pli frua enketo ni demandis ekzemple „Kiagradan vi taksas vian posedon de E-o?" kaj proponis 5-ŝtupan skalon. Unu el niaj plej bonaj tradukistoj sin taksis tre modeste, dum iuj komencantoj siaopinie regis E-on „perfekte". 40 % kredis „flue".

Alia demando estis „Ĉu vi estas sufiĉe informita per E-gazetaro?" Estis homoj kiuj plendis pri nesufiĉa informiĝo, sed laŭ propraj indikoj abonis eĉ ne unu E-gazeton. Respondoj dependas ankaŭ de la havebleco de gazeto, kaj ni ne plu esploras ilin per enketiloj.

Plej interesaj sed malfacile respondeblaj estas demandoj pri motivoj. Sed ankaŭ por esploro de motivoj enketoj fakte estas netaŭga metodo. Plej taŭgaj estus intervjuoj, ĉar la homoj ofte ne klare konscias siajn motivojn, la interplektaĵon de motivoj, ŝanĝon de motivoj ktp.

Ĝenerale konata estas, ke **bezonoj** motivigas la homon. Kiam bezono estas plenumita ĝi ĉesas esti motivo kaj novaj, pli altaj bezonoj anstataŭas ĝin. Homaj bezonoj de unua rango estas la bezono de komunikado kaj la bezono, esti agnoskata, bezonata, ŝatata. Esperanto estas tre taŭga fenomeno por kontentigi tiujn bezonojn. Mi poste revenos al tiu problemo.

Uzante enketojn oni devas konsideri, ke konscie aŭ nekonscie la demando influas la respondon, ĉefe se oni ofertas plurajn pretajn respondojn por elekti. Neklara demando kaŭzas neklaran respondon. Ekzemple ni demandis „Ekde kiam vi estas esperantisto?", sed la demanditoj ne sciis ĉu temas pri la unua tago de ekokupiĝo pri Esperanto, pri aliĝo al klubo/grupo, pri membreco en asocio respektive (ĉe ni) Kulturligo. Aŭ ni demandis: „Ĉu viaj atendoj plenumiĝis?" Tute superflua demando, se oni ne konas la individuajn atendojn.
Ni do forlasis enketojn pri opinioj kaj motivoj kaj esperas iam trovi taŭgajn rimedojn de esploro.

Enketoj pri **faktoj** aliflanke donis al ni valoran materialon kio ebligas konkludojn por la aktuala kaj estonta laboro. Mi volas prezenti nur malmultajn ekzemplojn.

**1.** Ni konstatis, ke nia „statistika" homo komencas lerni Esperanton en aĝo de 32 jaroj!

Permesu pli detalan komenton pri tiu nuda fakto. La germana E-movado havas longan tradicion. Kvarono de niaj membroj lernis Esperanton antaŭ 1933. Siatempe ili komencis lerni E-on en aĝo de meze 20 jaroj. Forta motivo estis bezono de kleriĝo, ĉefe inter la junaj laboristoj kaj senlaboruloj. Post 8-jara baza lernejo kaj 3-jara lernado de metio ĉesis la deviga lernado kaj komenciĝis la eksterlerneja, libervola kleriĝo, kutime en laboristaj klerigaj asocioj, grupoj aŭ vesperlernejoj.

Inter 1933 kaj 1965 E-movado ĉe ni apenaŭ ekzistis (konataj kaŭzoj) kaj nur 6 % el nia membraro lernis E-on dum tiuj 32 jaroj. Forta plejmulto, do 70 %, lernis E-on post 1965, kiam fondiĝis la Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR.

La sociaj kondiĉoj nun estis tute aliaj. Nia ŝtato postulas kaj peras konstantan kvalifikadon. Deviga estas 10-jara baza lernejo por ĉiuj. Kutime sekvas 2-jara lernado de metio respektive profesio, 18-monata ĝis 3-jara soldatservo, 3-ĝis 5-jara studado aŭ eĉ pli longa koresponda studado. Intertempe estas atingita la aĝo por fondi familion. Do, kutime nur trans la 30-a vivojaro estas tempo por eksterlerneja kleriĝo.

Tio signifas, ke niaj instru-metodoj kaj lernolibroj devas taŭgi por plenkreskuloj kaj ke la kluba vivo estas malpli alloga, pro tempomanko de ĉi-aĝa homo.

Alia konkludo estas, ke oni devas ion fari por **ŝanĝi** la situacion, do varbi infanojn kaj gejunulojn. Ili devus lerni E-on antaŭ fino de la baza lernejo por ebligi al ili aktivan **aplikon** de E-o en la tempomanka aĝo inter 16 kaj 30. Ni entreprenis jam la unuajn paŝojn por enpenetri en pionirdomojn kaj infan-klubojn por internacia amikeco. Somera tendaro por lernantoj de E-o komencas iĝi tradicia.

**2.** Ni konstatis, ke triono de nia membraro estas virinoj. Inter ili 60 % estas sole vivantaj, do fraŭlinoj, vidvinoj, divorcitaj. El la viroj 70 % estas edzoj, do tute alia situacio.

Mi devas akcenti, ke ĉe ni 90 % el ĉiuj laborkapablaj virinoj laboras profesie. Pro tio edzinoj/patrinoj disponas pri ege malmulte da libera tempo. Iom pli da tempo havas sendependaj virinoj, kiuj volonte partoprenas grupan agadon por havi pli da sociaj kontaktoj. Niaj konkludoj povas esti, ke ni havus bonŝancon varbante celite inter senedzaj virinoj. Aliflanke ni devas serĉi taŭgajn metodojn por

ebligi E-on ankaŭ al edzinoj/patrinoj, kiuj ne havas tempon viziti kurson aŭ klubon ni pensas ekzemple pri korespondaj kursoj aŭ semajnfinaj seminarioj por patrinoj kun infanoj, eble en ripozejo.

**3.** Ni eksciis el la analizoj, ke triono de nia membraro estas partianoj de unu el la 5 partioj de GDR, ĉefe de la Socialisma Unuiĝinta Partio. Tio estas surpriza fakto, ĉar oni ofte asertas, ke e-istoj estas periferuloj, stranguloj, politike indiferentaj homoj. La analizo do montris, ke multaj esperantistoj en GDREA estas socie aktivaj homoj. Cetere Esperanto ne nur allogas, sed eĉ **formas** politike interesitajn homojn.

El la ĝenerala enloĝantaro nur 16–18 % estas partianoj. Niaj 33 % respegulas tradiciojn de GDREA, kiu havas siajn historiajn radikojn en la laborista E-movado de antaŭ 1933. Multaj el la tiamaj komunistoj kaj socialistoj nun estas membroj de la Unuiĝinta Partio kaj ankoraŭ aktivaj esperantistoj. Ili reprezentas kvaronon de nia membraro.

Je la fino de miaj rimarkoj mi volas denove emfazi la firman rilaton inter faktoj, kaŭzoj kaj kondiĉoj, kiuj varias de lando al lando. Komuna estas nia strebo informi la mondon pri nia propono solvi la lingvan problemon per Esperanto, kiu povus kontentigi la bezonon de senĝena komunikado.

Sed krom tiu certe ankoraŭ tre fora celo Esperanto kontentigas ankaŭ jam nun plej diversajn homajn bezonojn kaj ofertas al ĉiu unuopa ano vastan kampon de plej variaj personec-evoluigaj eblecoj.

[1]) Prononcu GoDoREA = Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR

Teksto de prelego prezentita en la kadro de la internacia seminario „Strategiaj demandoj de la Esperanto-movado", 24. — 28. 4. 1984 en Varsovio, Pollando.

## Libro pri „Internaciaj planlingvoj" de Blanke

En la ŝtata eldonejo de GDR, Akademie-Verlag, Berlin, (Akademia Eldonejo), aperos fine de 1985 ampleksa libro de Detlev Blanke sub la titolo „Internationale Plansprachen" (internaciaj planlingvoj). La entute 632-normpaĝa manuskripto entenas jenajn ĉefajn ĉapitrojn (resume prezentitaj).

1. Lingvoplanado kaj planlingvoj (Traktado de la konscienco aŭ artefariteco en la lingvo).
2. La termino planlingvo: sinonimoj kaj nocia ĉirkaŭo (diskuto de pli ol 20 terminoj kiel ‚artefarita lingvo', ‚universala lingvo', ‚helplingvo' k. t. p.).
3. Lingvista diskuto pri ebloj, strukturo, ecoj kaj funkcioj de planlingvoj.
4. Klasifikoj de planlingvoj.
5. Pazigrafioj.
6. La plej gravaj planlingvoj
   - 6.1. aprioriaj projektoj
   - 6.2. modifitaj etnolingvoj (klasikaj kaj modernaj)
   - 6.3. kompromislingvoj
   - 6.4. naturalismaj lingvoj (Interlingue, ampleksa trakto de IALA, Interlingua-Code)
   - 6.5. Ido
   - 6.6. integritaj lingvoj
   - 6.7. aprioraj-aposterioraj mikslingvoj (Volapuko)
7. Esperanto
   - 7.1. Lingvopolitika rolo de Zamenhof
   - 7.2. Lingva strukturo de Esperanto grafemoj, fonemoj, morfemoj kaj fontoj, vortfarado, signifo de la vorto, strukturo de la leksiko, morfologio kaj sintakso, lingvaj tavoloj kaj funkciaj stiloj, evoluostabileco-normo.
   - 7.3. La lingva komunumo de Esperanto
   - 7.4. Apliko de Esperanto en la praktiko
8. Planlingvoj kaj interlingvistiko.

Al la verko apartenas indeksoj kaj teme kaj alfabete ordigita 2000-era (dumil-era) bibliografio, el kiu la aŭtoro rekte citas.

Al la ĉefaj trajtoj de la verko apartenas superrigarda sistemeco (entute 77 ĉapitroj kaj subĉapitroj), kritika diskuto kaj preciza kaj multflanka elĉerpo de ofte malfacile alireblaj aŭ eĉ nekonataj fontoj.

Tiel la verko fariĝas – almenaŭ por sciantoj de la germana lingvo – bazo por pluaj detalaj studoj de unuopaj planlingvaj problemoj.

## La „sekreto" de la kestoj

**„Esperanto-Informilo" de la distriktaj estaroj Leipzig kaj Halle intervjuis d-ron Erich-Dieter Krause, verkinton de la vortaro germana-Esperanta kaj aliaj, ĉefe leksikologiaj publicaĵoj. Ni jen publikigas, parte, ĉi tiun intervjuon:**

**EL:** Sinjoro doktoro, en via loĝejo ni vidis multajn kestojn enhavantajn amason da slipoj. Ĉu ni ĝuste supozas, ke temas pri via „Germana-Esperanta Vortaro" en alia formo?

**D-ro KRAUSE:** Jes. La sliparo, kiun vi aludas en via demando, fakte estas la fundamento por la lastjare aperinta vortaro. Ĝi konsistas el 18 kartotekaj kestoj kun entute ĉirkau 50 000 slipoj. Tiuj slipoj listigas proksimume 150 000 vortformojn kaj difinojn kolektitajn el la plej diversaj fontoj. Ĉefe mi trakribris, tute sisteme, la esperantlingvan gazetaro, de japanaj ĝis mezeŭropaj, de maltaj ĝis vjetnamaj jurnaloj por eltrovi „la efektive uzatan internacian lingvon, la nuntempan Esperanton". Kaj kun miro mi konstatis, ke la terminologio de Esperanto ege flekse adaptiĝis al la inundo de novatempaj nocioj en la diversaj naciaj lingvoj. Oni nur devas kolekti, kolektadi ... seninterrompe kaj persiste, kaj oni devas esti bona lingvisto kaj sperta leksikologo por povi, fine, decidi pri la plej trafa formo de tiu aŭ jena vortkombino. Ĉu ekzemple oni unuarangigu por la germana nocio ‚Schwimmkran' la vorton ‚naĝgruo' (Haferkorn) aŭ ‚flosgruo' (PIV, pĝ. 358) aŭ fine la formon ‚flosanta gruo' (por analoge agi al la jam delonge akceptita en Esperanto vorto por ‚Schwimmdock', kiu estas ‚flosanta doko')? Miloj da tiaj decidoj devis esti faritaj, dekmiloj da slipoj devis esti tajpitaj – kaj tio, kompreneble, postulis multan tempon.

**El:** Kiom da jaroj vi laboris pri la vortaro? Certe tre longe, ĉu ne?

**D-ro KRAUSE:** Mi eĉ precize ne scias, ĉar dum tuta mia vivo mi kolektadis leksemojn, novajn vortojn lanĉitajn en Esperanto aŭ aliajn, kiujn mi konas kaj prilaboras, kiel momente ekz. la indonezian. Mi kredas, ke estis en 1961, kiam mi tajpis mian unuan slipon por ĉi tiu vortaro. Mi estis tiutempe en Birmo, ŝudorienta Azio, sed sisteme kaj fortostreĉe labori super ĉi tiu projekto mi komencis en 1972. Poste sekvis la interkonsento kun la Leipziga eldonejo Enzyklopädie. La rezulton vi ja konas, en 1983 la vortaro surmerkatiĝis.

**El:** En la germanlingva Esperanto-mondo – kaj ne nur tie! – via vortaro trovis grandan atenton. Ĉu vi ricevis ankaŭ personajn reagojn de uzantoj? Ĉu letere aŭ buŝe?

**D-ro KRAUSE:** Unue aŭtoro de vortaro ne scias, ĉu lia verko estos bonvole akceptata de la publiko. Oni nur havas certan intuicion, kaj tiu ĉi estis ĉiam optimisma. Poste venis la unuaj ehoj, la recenzoj en la Esperanta gazetaro. Escepte de unu, el Sarlando/FRG[1]) ĉiuj recenzintoj ege aplaŭdis mian laboraĵon ... loma danko por multjara streĉo. Mi nun kontentas.

**El:** Sincere dirite, nun ankoraŭ mankas „frato" de via verko, la „Esperanta-Germana Vortaro". Ĉu ekzistas ĉi-rilataj planoj?

**D-ro KRAUSE:** Planojn mi daŭre havas kaj verki mi volas tutan mian vivon, sed vidu, Esperanto ne estas mia universitata fako. Mi estas specialisto pri la indonezia lingvo kaj mia ĉefa tasko estas verki leksikologie sur tiu ĉi kampo – kaj krome mi ja devas eduki studentojn ...
Tamen, mi komencis verki super tiu ĉi ‚frato', kiel vi vortumis la ankoraŭ mankantan inversan parton de la Esperanto-vortaro. Kaj kiam mi ion komencas, tiam mi ankaŭ ĝin finos. Sed prognozi mi ne volas. Tutcerte la Esperanta-Germana Vortaro ne pretiĝos antaŭ la Centjara Jubileo. Sed ĝi estos pli ampleksa ol la parto germana-Esperanta, verŝajne je 10 000 kapvortoj pliaj. Bonvolu do havi paciencon.

**El:** Ni estas tre dankaj al vi pro ĉi tiu intervjuo!

[1]) Komparu „der esperantist" n-ro 124 (2/1984), p. 29–31

## TRADUK-KONKURSO 1983

Finiĝis la traduk-konkurso, kiun ni aranĝis sur la paĝoj de „d. e." dum la jaro 1983. Mi pensas, ke ĝi estis sukcesa. Partoprenis 45 personoj, inter ili 5 eksterlandanoj. Laŭ la leteroj, kiujn mi ricevis de la partoprenintoj mi vidas, ke la konkurso plaĉis al ili, donis al ili plezuron kaj helpis ankaŭ iomete pli serioze okupiĝi pri la lingvo.

La unuopaj taskoj certe ne estis facilaj. Tamen ĉiuj ĉiam penis laŭ siaj scioj traduki kiel eble plej bone. Kompreneble la nivelo de la tradukoj estis diferenca. Tio dependas de la lingvaj scioj de ĉiu unuopulo. Partoprenis spertaj esperantistoj kaj ankaŭ iuj, kiuj ankoraŭ ne tre longe okupiĝas pri Esperanto. Kaj eĉ se tiuj ne okupis la unuajn lokojn, ili certe ion lernis.

Por multaj estis nia konkurso taŭga aŭ eĉ sola ebleco serioze labori kun la lingvo. Mi nur miras, ke tiun eblecon ne uzis grupoj por partopreni kolektive. Ĉu komuna tradukado ne estus taŭga programero por viaj kunvenoj?

Do, la unua „traduk-konkurso" finiĝis. Sur la paĝoj de „d. e." jam funkcias nova, por la jaro 1984. Ĉu vi ne havas intereson partopreni?

Restas ankoraŭ anonci la venkintojn de la lastaj tri taskoj.

Tasko 4 — Uwe Werner el Zeitz;
Tasko 5 — D-ro Martin Schüler el Kleinmachnow;
Tasko 6 — Gerhard Hornbogen el Weimar

Koran gratulon!

Speciale mi gratulas al d-ro Martin Schüler, kiu estis la plej bona en la tutjara konkurso.

Jen la plej bonaj por la tuta jaro:

1) D-ro Martin Schüler — Kleinmachnow — 218 poentoj
2) Gerhard Hornbogen — Weimar 215 poentoj
3) Uwe Werner — Zeitz 196 poentoj
4) Otto Möller — Heiligenstadt 186 poentoj
5) Barbara Krone — Berlin 176 poentoj

Je la fino mi volas danki ankaŭ al tiuj, kiuj partoprenis kiel jurianoj kaj tiamaniere helpis al bona funkciado de nia konkurso.

Dieter Berndt

## TRADUK-KONKURSO 5/84

### GOYA

Und dann war Goya ein letztes Mal im „Saal der Ariadne", lief auf und ab vor seinem vollendeten Werk, wartete.

Die Türen öffneten sich, die Majestäten und Königlichen Hoheiten traten ein. Sie hatten einen Spaziergang in den Gärten gemacht, sie waren einfach gekleidet, mit nur ganz wenig Orden, und in ihrer Begleitung war, auch er sehr schlicht, der Principe de la Paz. Ziemlich viel Gefolge, darunter Miguel, kam mit ihnen. Don Carlos, im Eintreten, kramte unter seinem Rock und seiner Weste zwei Uhren hervor, verglich sie und erklärte: „10 Uhr 22. 14. Juni, 10 Uhr 22. Sie haben das Bild rechtzeitig abgeliefert, Don Francisco."

Da standen sie, die Bourbonen, nicht geordnet wie auf dem Bilde, sondern wahllos durcheinander, und sie schauten sich, die Bourbonen im Fleische, die gemalten an, ein jeder sich selber und ein jeder alle. Und hinter ihnen, in der Wirklichkeit und auf dem Bilde im Schatten, stand der Maler, der sie so geordnet und so gemalt hatte.

Es glitzerte und funkelte von der Leinwand, höchst königlich, und sie stand auf der Leinwand, lebensgroß, mehr als lebensgroß, lebenswahr, mehr als lebenswahr, unverkennbar für jeden, der sie einmal auch nur flüchtig gesehen hatte.

Sie schauten und schwiegen, etwas verwirrt; es war ein so großes Bild, noch nie waren sie auf soviel Leinwand gemalt worden, und noch nie der einzelne umgeben von soviel anderen Fürstlichkeiten.

Don Carlos stand massig in der Mitte, auf dem Bilde und im Saal. Das Ganze gefiel ihm, er selber gefiel sich. Wie wunderbar ist sein kastanienbrauner Staatsrock gemalt, man sieht, daß er aus Samt ist, und wie genau der Griff des Degens und jeder Ordensstern und jedes Ordensband, und er selber wirkt bedeutend, er steht fest da, unerschütterlich, man erkennt, wieviel Kraft und Schmalz in seinen Knochen ist, trotz seiner Jahre und trotz seiner Gicht. Wie ein Fels, denkt er, Yo el Rey de las Espanas y de Francia, denkt er. Ein sehr bedeutendes Bild. Schon schickt er sich an, Goya etwas Freundlich-Scherzhaftes zu sagen, aber er wartet doch lieber erst eine Äußerung seiner Dona Maria Luisa ab.

Sie, die alternde, häßliche, ungeschminkte Maria Luisa, steht zwischen ihrem Mann, ihrem Freund und ihren Kindern, und ihre schnellen, scharfen Augen mustern die alternde, häßliche, geschmückte Maria Luisa des Bildes. Vieles an dieser gemalten Frau mag vielen nicht gefallen: ihr gefällt es, sie sagt ja zu dieser Frau.

(Aus L. Feuchtwanger: Goya)

## Denove Teatra Festivalo 1985 en Budapesto

Ĝi okazos inter la 22-a kaj 26-a de marto. Dum 5 vesperoj oni prezentos en Esperanto 9 teatraĵojn. Malmultekostajn tranoktejojn peras Turisma Komisiono de Hungara Esperanto Asocio (Pf 193, H-1368-Budapest).



## 36a IFEF-Kongreso en Bulgario

Ĉiujare la Internacia Federacio de Esperantistoj-Fervojistoj okazigas siajn kongresojn fake direktitaj al fervojaj temoj.
Ĉijare de 12. — 18. 5. 1984 la bulgara Fervojista Sekcio akceptis la internacian fervojistaron en la mondfama apudmara banloko Suna Bordo (bulgare Slântĉev Brjag). Ankaŭ 16 GDR-anoj troviĝis inter la pli ol 800 gekongresanoj el 23 landoj.
Kiajn impresojn ni ricevis, kiel ni taksas la fakan enhavon kaj eĉ eble la fakscian pliriĉigon?

1. Sur la faka kampo okazis vere intereson kaptantaj programeroj, kiuj estis:
   — La ĉefprelego, kiel kutime de la gastiganta lando, pri la temo „Stato kaj perspektivo de disvolvo de la fervoja transporto en P. R. Bulgario"
   — La fervojaj aktualaĵoj kun pli ol dek mallongaj prelegoj, eĉ plejparte kun diapozitivoj. Flanke de niaj kolegoj prezentis prelegeton Heinz Hoffmann pri la eksperimento per E-lingvaj laŭtparoliloj kaj rilate al tio pri la okazigitaj enketoj inter neesperantistaj studentoj en la Altlernejo pri Trafiko en Dresden.
   — La nepre menciinda laboro de la terminara komisiono de IFEF, kiu ĉiam uzas kongresojn por pridiskuti la faritan kaj farotan laboron kaj interŝanĝas opiniojn pri starpunktoj rilate novkreitajn fakvortojn. Reprezentanto de ni estis ĉefe Horst Theurich. Krome partoprenis kelktempe Horst Jasmann kaj Achim Meinel.
   Kontentite ni konstatu, ke la intereso de niaj kolegoj sin ankaŭ esprimis per ĉeesto dum la plenkunsidoj. Kiel apartan belan sukceson de IFEF oni devas prijuĝi la ĝustatempe antaŭ la kongreso finpresitan verkon de la Prihistoria Komisiono „Historio 1909 — 1984 (de IFEF)".
2. La „alia" kongreso, estis la tipe bulgara programo kun artaj kaj folkloraj vesperoj, dum kiuj sin prezentis la bulgara popolarto belege kaj sukcese. Aparte laŭdinda estis la komedia teatraĵo „La milionulo" de Jordan Jovkov, ludita en la Burgas'a nova teatro. Ĝin ludis bonaj geaktoroj en bone komprenebla E-o! La internacia laŭdo estis unuanima.

Pri la socia rekono de la Esperanto-movado en Bulgario oni jam multon skribis en la internacia E-gazetaro. Ĉiu kongresano spertis tion mem. Sed estas la nepre menciinda konstato, ke ekz. la alta protektanto de la 36a IFEF-Kongreso, la bulgara ministro por trafiko ne nur ĉeestis persone la solenan malfermon de la kongreso (dum kiu fine ankaŭ nia prezidanto povis saluti la kongreson . . .), sed ankaŭ akceptis ĉiujn (!!) kongresanojn la unuan tagon posttagmeze laŭ bulgara gastamikeco! Kaj ne forgesenda estas ankaŭ la senpaga bileto, kiu ĉiun kongresanon rajtigis, inter la 7a kaj 23a de majo, laŭvole ofte vojaĝi per la bulgaraj ŝtataj fervojoj sur la tuta reto!
Iomete pri la kongresejo mem: servis la „Bar-Variete" Slanĉev Brjag kiel kongreseja centro. En kelkaj aliaj lokoj okazis krome diversaj kunsidoj. Laŭ mi la konferencloko tre taŭgas por organizi tiel grandan, internacian kongreson, se oni per bona preparo kaj dumkongresa laboro kaptas ties eblecojn. Tio bedaŭrinde ne tute okazis . . . Ekz. tute ne kontentiga estis la neakurata realigo de la tempa plano (projekciado de lumbildoj kaj filmoj).
Bedaŭrinde ankaŭ la ĝoje atenditaj ekskursoj al Ŝumen kaj Ora Sablo ne plaĉis, ĉar ili fakte nur fariĝis aŭtobusveturadoj . . . Malgraŭ tio: La kongreso meritis la longan vojaĝon al la Nigra Maro kaj tial ni elkore dankas niajn bulgarajn geamikojn por la memorinda travivaĵo.

Achim Meinel

## SAEST 1984

La seminario „Scienca Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko" okazis de 31a de aŭgusto ĝis 2a de septembro en Brno/ĈSSR. La ĉefa temo estis „perspektivoj de la monda nutraĵproduktado", kiu estis traktita per 12 kontribuoj el ĈSSR, GDR, Hungario kaj USSR. Krome SAEST '84 traktis per 9 prelegoj la temon „problemoj de la fakaj lingvo kaj traduko".
El GDR per prelegoj partoprenis d-ro Simon, Richard Partecke, Wera Dehler kaj per diskutkontribuoj d-ro Krause. Kiel ĉiufoje ankaŭ ĉi-foje la partoprenintoj de la SAEST/AEST-serio ricevis la kompletan serion de la prelegoj en presita formo.
Pro tiu bonvena fakto ne estas kompreneble, kial multaj kontribuintoj simple „laŭtlegis" siajn ja presitajn tekstojn.

## Junularo en Lychen

La jam 11-a seminario de junuloj de GDREA okazis inter la 4-a ĝis 9-a de novembro 1984 en Lychen, en laga regiono de norda GDR. Prelegis Werner Pfennig, Fritz Wollenberg, Wera Dehler kaj d-ro Detlev Blanke pri problemoj de la internacia kaj GDR-a Esperanto-movadoj, pri sciencteknika apliko de Esperanto kaj pri d-ro Zamenhof.

## Scienca esperantista evento en Rumanio

Dum 26. — 27. de majo 1984 okazis en la Universitato de Timisoara „Studenta scienca sesio".
En la kadro de la 44 sekcioj kun 592 referaĵoj prezentiĝis ankaŭ la sekcio Interlingvistiko kaj Esperantologio kun jenaj 14 referajoj:

1. Spontaneco kaj konscieco en la lingvo; Claudia Daniela Balla
2. Planitaj lingvoj kiel lingvistika problemo; Silvia Palaghiu
3. Rimarkoj koncerne la lingvajn tradukojn en Esperanto el rumana poezio; Claudio Tudor Ariesan
4. La kultura dimensio de la ideoj pri nova informada ordo en la mondo; Gabriela Matei
5. Esperanto kaj la tria mondo; Monika Csapo
6. Klasikuloj de Marksismo-Leninismo pri internacia lingvo; Elfriede Helm
7. Lingvaj aspektoj de la interŝanĝo de informoj en la nuntempa mondo: Adela Păsculescu
8. La ideo de la internacia helplingvo en la scienc-fikcia literaturo el GDR: Elvina Bradt
9. Esperanto kaj UNESKO: Cornelia Cocioabâ kaj Monica Jurcâ
10. La internacia lingvo kiel problemo de la nuntempa socio: Edith Ottschofski
11. Esperanto kiel alternativo al lingva hegemonisma tendenco: Angela Hälmägeanu
12. Esperanto en Ĉina Popola Respubliko: Elena Iancu kaj Maria Babis
13. Esperanto kaj la ekzaktaj sciencoj: Corina Ivan
14. Esperanto en la tekniko de komputeroj: Atila Valy

La sciencan nivelon de la supre menciitaj laboraĵoj prizorgis prof. d-ro I. F. Bociort, docento d-ro Cezar Apreotesei kaj la juna profesorino Mioara Lacrima Dobre.

P. L.

## 22a Pola Esperanto-Kongreso

Ĝi okazis de 18a ĝis 25a de aŭgusto 1984 en Szczecin kaj havis multflankan, riĉan programon kun prelegoj, seminarioj, ekskursoj, filmoj kaj teatraj prezentadoj.
Partoprenis preskaŭ 300 esperantistoj kaj simpatiantoj de Esperanto, inter ili 33 eksterlandaj esperantistoj el 13 landoj.
GDR estis reprezentita per kvinmembra delegacio. Festa inaŭguro en ornamita mezepoka salono de l'kastelo, kun folklora programo, malfermo per la prezidanto d-ro Lejk, salutoj de gastoj, distingoj. Inter la diversaj prelegoj, 3 prelegoj de d-ro Krause (GDR), krome seminarioj por komencantoj kaj progresintoj (Andrzej Pettyn, Krystyna Sowá), teatraj prezentoj per studenta pantomimoensemblo kaj Esperanto-teatro el Francio. Tre interesaj estis la ekskursoj per buŝoj aŭ ŝipo tra la urbo Szczecin, en la haveno, kaj dum 2 tagoj tra la vojvodio Szczecin. Speciale la bus-raŭto por eksterlandaj gastoj estis bone preparita kaj tre informiga, pro tio speciala laŭdo iras al nia ĉiĉerono Stanislaw Gonczaruk. Ni vizitis memorejojn, konatiĝis kun historiaj konstruajoj, naturvidindajoj, estis ĉe la strando de la Balta Maro, sur insulo Wolin kaj kiel gastoj ĉe kamparanoj.
La partoprenantoj loĝis en studenta internato, la kongresejo estis studenta kulturdomo. La manĝajo estis bona, kaj ankaŭ per bona vetero la kongreso estis favorigita.

Rudolf Hahlbohm

## En Mielno

Estis tre belaj tagoj en Mielno, dum VIIa ĉebalta Esperanto-Printempo, de 21a ĝis 27a de majo 1984. Partoprenis 43 esperantistoj, el tio 4 el GDR. La tagoj plenaj de instruado, ekskursoj, amuzo, konversacioj kaj multe da kulturaj aranĝoj. Mi estis impresita pro la kamaradeco, helpo kaj granda koreco en ĉi tiu renkontiĝo. La nutrado estis bonega! Grandan laŭdon al la organizantoj, la instruistoj kaj aparte la vojaĝgvidanto el la vicoj de la partoprenintoj, kiu klarigis nelacigeble kaj amplekse, kaj ankaŭ respondis ĉiun demandon!
La instruado ampleksis Esperantan konversacion kaj esperantologion (7 seminarioj respektive).
La ekskursoj per aŭtobuso kondukis nin al Leba-Rabska, al la migraj dunoj (ĝis 42 m altaj), al Stolp (Słupsk), Kolberg (Kołobrzeg) kaj al Koŝalin.
En Stolp ni ankaŭ renkontis kun la Esperanto-klubo en la fervojista kulturdomo. Bone ni trovis, ke ĉe la solena inaŭguro kaj en la adiaŭa vespero en Mielno ankaŭ partoprenis la geesperantistoj el Koŝalin, ĉirkaŭ 20.
Krome estis multe da kulturaj aranĝoj kaj interesa eluzo de la libertempo (prelegoj, lumbildprelego, teatro, koncerto, naĝo en la najbara sanatorio).
Por ni la restado estis bela ĉapitro de la pola-germana amikeco kaj sukcesa realigo de tio, kio enestas en la fundamentaj interkonsentoj de la partiaj kaj ŝtataj delegacioj de ambaŭ landoj de aŭgusto 1983.

Kurt Langer, Dresden

## Nova minaco al Eŭropo: Kiu kulpas?

Jen la titolo de bonege dokumentita broŝuro en Esperanto, kiun eldonis la sovetia informagentejo APN (Novosti) laŭ mendo de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (finredaktita 5. 6. 1984). La 40paĝa broŝuro, grafike efike aranĝita kun tabeloj kaj fotoj, entenas multe da konvinka materialo pri la usona armado, minaco al Eŭropo. La broŝuron mendu amase ĉe: USSR, 107082 Moskva, Bolŝaja Poĉtovaja 7, Izdatelstvo APN.

## Mortis Michael Cimberov

Multaj esperantistoj el GDR korespondis kun la konata sovetia esperantisto Michael Cimberov el Jalta. Kiel ni eksciis nur nun, li mortis la 26an de marto 1983.

# 69a Universala Kongreso en Kanado

De la 21a ĝis 28a de julio 1984 la 69a Universala Kongreso de Esperanto okazis en la kanada urbo Vankuvero. Aliĝis entute 802 kongresanoj el 46 landoj, inter ili ankaŭ el Bulgario, ĈSSR, Hungario, Pollando. 100 kongresanoj venis el Kanado, pli ol 200 el Usono. GDREA ĉi-jare ne estis reprezentita.
La solenan inaŭguron i. a. partoprenis la Alta Protektanto de la 69a UK, Robert G. Roders, Vic-reĝa Provincestro de Brita Kolumbio (provinco de Kanado). La kongreso traktis kiel ĉeftemon „Lingvajminoritatoj: ĉu nur nacia fenomeno?" La pritrakton de la temo gvidis prof. J. Pool.
Dum la Internacia Kongresa Universitato oni aŭskultis jenajn 6 prelegojn: Chen Yuan (Ĉinio) „La estetikaj kaj sociaj aspektoj de la ĉina lingvo", prof. d-ro Juan Régulo Pérez (Hispanio) „Stafeto: humanisma kulturaventuro" (pri la eldonejo Stafeto), prof. d-ro Helmar Frank (FR Germanio) „Eksperimentoj pri la lernfacileco de vortoj depende de ilia inform-enhavo", d-ino Daniela Deneva (Bulgario) „Nuntempa stato de la problemo pri prognozado de la tertremoj", prof. d-ro Jonathan Pool (Usono) „Lingviko, politiko kaj Ekblek", prof. d-ro Bruce A. Sherwood (Usono) „Komputilo parolas Esperanton".
Tre sukcesa estis la VIIa Esperantologia Konferenco, kies ĉefa ero estis serio de kvar prelegoj de d-ro John Wells (Londona Universitato) sub la titolo „Lingve tra la mondo" kaj debatoj pri la estontaj prioritatoj en la esploro de Esperanto.
La Komitato de UEA prenis kelkajn gravajn decidojn kaj rekomendojn:

— La 71a UK okazos 1986 en Pekino.
— La Komitato preskaŭ unuanime emfazis sian deziron, ke la Estraro de UEA elektu por 1987 kiel kongresurbon Varsovion.
— UEA starigos en sia Centra Oficejo filmotekon kaj referajan bankon (i. a. por cirkuligi sciencajn studojn pri Esperanto).
— Estis akceptita plano por la Internacia Jaro de Paco 1986.
— Kvankam ne leviĝis la demando pri eventuala aliĝo de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj, kiu estas prokrastita ĝis la venonta jaro, la Komitato akceptis du novajn fakajn asociojn. Esperanta Verkista Asocio (Eva) fariĝis kunlaboranta faka asocio neŭtrala kaj Mondpaca Esperantista Movado (MEM) fariĝis neneŭtrala faka asocio en kunlaboro kun UEA.

La 70a Universala Kongreso de Esperanto okazos 1985 en Augsburgo, Federacia Respubliko Germanio.

(laŭ „Esperanto" 9/1984)

## Kongresa Rezolucio

Por lingva demokratio en internaciaj rilatoj
La 69a Universala Kongreso de Esperanto, kunvenante en Vankuvero, Kanado, de la 21a ĝis la 28a de julio 1984, kun 802 partoprenantoj el 46 landoj, kaj pritraktinte la temon „Lingvaj minoritatoj: ĉu nur nacia fenomeno?"

konstatas

1. ke ĉiu homo havas rajton al sia lingvo kaj kulturo kaj ke la homaro havas devon labori por konservi la diversecon de lingvoj kaj kulturoj, samtempe ebligante socian komunikadon kaj ekonomian kaj socian evoluon;
2. ke en la internacia sfero, same kiel en la nacia sfero, ekzistas fortaj kaj malfortaj lingvoj;
3. ke tiu malegaleco estas rezulto de ekonomiaj, politikaj kaj sociaj kaŭzoj;
4. ke ĝi donas avantaĝojn al la denaskaj parolantoj de tiuj ĉefaj lingvoj kaj metas ŝarĝon sur la ekonomiojn kaj edukajn sistemojn de la landoj kun pli malfortaj lingvoj aŭ kun multaj diversaj lingvoj;
5. ke tiuj avantaĝoj kaj malavantaĝoj estas evidentaj en la ĉiutaga internacia dialogo de la ŝtatoj kaj de unuopuloj;
6. ke ili estas aparte evidentaj en la lingvaj servoj de la grandaj interŝtataj organizoj, kiuj laboras ĉefe por liveri tradukadon kaj interpretadon inter la grandaj lingvoj;
7. ke necesas rekoni la internacian malegalecon de lingvoj kaj labori por minimumigi ĝin;
8. ke la Internacia Lingvo Esperanto, tra preskaŭ cent jaroj de kontinua uzo en plej diversaj cirkonstancoj, montris sian kapablon ŝirmi la malgrandajn lingvojn kaj meti ĉiun internacian komunikadon sur egalan nivelon;
9. ke tiu lingvo, precipe en kombino kun moderna komunika tekniko kaj novaj progresoj en aŭtomatigita tradukado, donas bonajn perspektivojn por solvi almenaŭ parton de la problemoj de internacia komunikado kaj ebligi grandskalan demokratigon de la internacia lingva komunikado;
10. ke tiu demokratiigo povus doni avantaĝojn al la malgrandaj lingvoj, samtempe ebligante ilian ŝirmiĝon kontraŭ la altrudo de la grandaj lingvoj kaj kulturoj kaj ilian pli vastan uzadon en internaciaj organizoj.

La Kongreso tial rekomendas
ke la ŝtatoj kaj internaciaj instancoj, la edukaj instancoj en la diversaj landoj, kaj tiuj kiuj respondecas pri interŝtata komerco, turismo kaj kulturaj interŝanĝoj, ekzamenu la potencialon kaj perspektivojn de Esperanto kiel lingvo por internacia uzado kaj por la demokratiigo de lingvo-uzo en internaciaj rilatoj.

## 40a TEJO-kongreso en Grandbritio

La 40a Internacia Junulara Kongreso okazis de 13a ĝis 20a de julio 1984 en angla vilaĝeto Swanwick ĉe Birmingham. Partoprenis 293 junuloj el 25 landoj. La kongresa temo estis „Homo kaj maŝino". Oni i. a. traktis jenajn temojn: transportiloj, komputil-programado, armiloj, rilatoj inter varproduktado kaj vivnivelo, mediaalpurigado, rolo de la biologia homo en maŝina socio.

## Medicinistoj 1985 en GDR

**La V-a internacia Medicinista Esperanto-Konferenco (IMEK V) okazos de la 8a ĝis 14a de septembro 1985 en la urbo Schwerin (Ŝverin), en GDR.**
**Ĉiuj esperantistaj kuracistoj, flegistoj, farmaciistoj, veterinaroj kaj anoj de parencaj profesioj estas kore invitataj travivi ses klerigajn kaj amuzajn tagojn en internacia kolega medio.**
**La raviga urbo Schwerin, distrikta urbo norde en GDR, situanta inter lagetoj, havanta plenkonservitan mezepokan urbokernon, urbo kun historia tradicio kaj alloga kultura nivelo prezentas la plej favorajn kondiĉojn por varia programo, kiu inkluzivas:**
- **fakajn prelegseriojn**
- **kunsidojn de fakgrupoj**
- **viziton al medicina institucio**
- **tuttagan ekskurson**
- **urborigardon**
- **muzeoviziton**
- **dancvesperon**
- **kulturajn prezentaĵojn kaj aliajn erojn.**

**La plej multaj aranĝoj okazos en la Domo de Kulturligo meze en la urbocentro, kiu facile atingeblas de la tranoktejoj kaj de la stacidomo.**
**Tuj petu aliĝilojn kaj informilojn pri kondiĉoj kaj kostoj, ĉe Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR, 1080 Berlin, Charlottenstr. 60.**

## Infana artkonkurso dum IMEK 1985

**Kadre de 5a Internacia Medicinista Esperanto-Konferenco 1985 en Schwerin/GDR estas aranĝota centraja ekspozicio kaj konkurso sub la temo „Mia kuracisto — mia helpanto". Ni alvokas ĉiujn infanojn (ĝis aĝo de 14 jaroj) partopreni. La plej impresaj verkoj estos premiataj! La desegnaĵoj aŭ pentraĵoj devas esti A3- aŭ A4-formataj!**
**Sendu la objektojn bone pakumitaj ĝis 31. 5. 1985 al d-ro Klaus Bochmann, 9201 Bräunsdorf, Landambulatorium, GDR.**

## Impresplenaj tagoj en Hungario

Eble jam multaj el vi aŭdis pri laborten-daroj en Hungario.
Ĉijare ankaŭ mi anoncis partopreni la labor-tendaron ĉe Délegyháza (inter la 5a kaj la 12a de aŭgusto 1984) kaj la ripoztendaron ĉe Balatonszemes (inter la 13a kaj la 18a de aŭgusto 1984).
Kvazaŭ kvin minutoj antaŭ la 12a ni ricevis telegramon, ke oni ne havas laboron por ni, sekve la tuta aranĝo kostas pli multe! Grandaj nuboj protektis nin kontraŭ la varmega hungara suno, kaj ofte pluvegoj kun fulmotondro refreŝigis nin. Ankaŭ la fantomo de ĉiuj internaciaj E-aranĝoj, la krokodilo, ĉeestis.
Tamen, eble pro tiuj multe da malbonaj aspektoj la tendaro tre plaĉis al ni. Ni GDR-anoj ja tute ne rajtas plendi pri E-labor-tendaroj, ĉu ne? La organizinto de la tenadroj, Sandor Hideg, klarigis al ni la multajn problemojn, kaj ni komencis kompreni la malfacilaĵojn.
La unua tendaro Délegyháza (60 km-ojn sude de Budapeŝto) situis meze en granda naturista tendaro inter kelkaj tre varmaj kaj parte tre klaraj lagoj. La pejzaĝo kaj ankaŭ la tendaro estis mirinde sovaĝaj. Ĉeestis proksimume 60 gejunuloj el Hungario, Jugoslavio, Ĉeĥoslovakio, Pollando, Anglio kaj GDR. Ni naĝis, promenis al la plej proksimaj vilaĝoj, ĝuis la sunon aŭ rigardis la pluvon. Kiu kapablis, kantis kaj ni multe parolis pri ĉiuj eblaj temoj. Ankaŭ estiĝis instrugrupetoj kaj la krokodilfantomo malrapide foriris.
Post unu semajno ni translokiĝis al Balatonszemes ĉe la „hungara maro". Al la Délegyháza-anoj venis ankoraŭ aliaj gejunuloj, inter ili hispanoj kaj italino. Ni estis preskaŭ 100 homoj. Tiu tendaro estis tre homplena. Por ne perdiĝi, ni devis iomete plani nian tagordon. Ekzemple ni havis kursojn pri origamo (paperfaldado) kaj pri popoldancoj, prelegojn pri la diversaj manĝkutimoj k. t. p. La bela tempo forflugis, sed ni bone memoros pri tio. Dankon al la organizintoj.

B. Kuse

## Junularo renkontiĝis

Gejunuloj el diversaj distriktoj bicikladis dum aŭgusto 1984 tra GDR al SEFT[1]) ĉe Feldberg. Meze de septembro malgranda grupo tendumis ĉe Sternberg.
Nova renkontiĝo okazos inter la 21a ĝis 23a de junio 1985 ĉe la lago de Plau. Informojn donas: Rainer Birkholz, 2600 Schwerin, Leninring 1.
[1]) [Somera Esperantista Familia Tendaro]

## Edziĝfesta ceremonio en Esperanto

La 24an de aŭgusto 1984 geedziĝis Christa Adam kaj Raimund Knapp en Berlin. La geedziĝceremonian paroladeton faris Detlev Blanke en Esperanto. Raimund Knapp, mem bona esperantisto, estis 1967 — 1968 sekretario de Centra Laborrondo Esperanto. Lia edzino ankaŭ lernas la lingvon.

## Ni kore gratulas

- al Rudolf Zimmermann el Dresden, kiu festis la 15an de septembro sian 80an naskiĝtagon.
- Christiane Schweizer el Leipzig, kiu edziniĝis la 7an de junio 1984 en Leipzig al la finno Pentti Silander.

## Skribas leganto:

S-ro Oskar Stolberg el Leipzig skribas al ni en letero de 30. 9. 84: La informilo „de" fariĝas pli kaj pli multflanka kaj similas al la „Budapeŝta Informilo". Kaj kiom kostas Budapeŝta Informilo, kiom malmulte via informilo! Bedaŭrinde mi ne povas forveturi. Sed via organo informas pli ol sufiĉe pri ĉiuj aranĝoj. Gratulon! Oni povas aserti, nia Esperanto-Asocio laboras, agadas. Mi deziras al vi bonsukceson. Vi plenumas gravajn taskojn enkadre de antaŭlaboro al centjara jubileo de Esperanto, nia ŝatata internacia lingvo.

## KORESPONDDEZIROJ

31 6 35

**Ni publikigos nur tajpitajn koresponddezirojn!**

### Bulgario

Milena Andreeva, „Slavianski" No. 11, et. 1, ap. 2, **9700 Šumen,** dez. kor.
Todorka Valentinova, „Petko Belgaranov" 20a, **9700 Šumen,** dez. kor.
Instruistino en mezlernejo, fraŭlino, 26j. dez. kor. kun serioza fraŭlo pri muziko, literaturo, lingvistiko, vojaĝoj: Anja Nikol, Staneva, **7840 V. Opaka**
Junulino, 15j., dez. kor. kun esp. el GDR p. ĉ. t., kol. pm: Gabriela Nikolaeva Vehelinova, **Polski Trâmbeš,** Velikomarnovski, str. Černo more 2
Bulgara E-grupo dez. kor. tutmonde pri literaturo, muziko, teatro, turismo:
- Vesela Rajĉeva, **1000 Sofio,** str. Dimitâr Blagoev; (29j.)
- Greta Deĉeva, **1000 Sofio,** str. Ivajlo 1; (23j.)
- Kapka Panĉeva, **1202 Sofio,** str. Kiril i Metodij 14; (35j.)
- Krasimir Vlaev, **1220 Sofio,** str. 8 Mart, bl. 220, vh. 3, ap. 32; (24j.)
- Nadeĵda Nakova, **1000 Sofio,** str. Lipov cvjat 7; (12j.)
- Pavlina Todorova, **1225 Sofio,** str. Ĉorlu 4; (48j.)
- Rumjana Georgieva, **1000 Sofio,** str. St. Lepoev, bl. 25, ap. 41 (25j.)
- Svetoslav Slavov, **1404 Sofio,** j. k. Motopista, str. Kestenova gora, bl. 26, vh. E, ap. 109; (pensiulo)

### Belgio

Fabienna Dives, R. Fonds des Vaux 8, **5111 Bonneville,** dez. kor.

### ĈSSR

Pensiulo, 60j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. bk, urboplanojn, mapojn, anekdotojn: Ladislav Královec, **34401 Domažlice,** Česká Kubice 77
Dez. kor.:
- Kamila Kalovsková, Fučikova 88b, **56401 Žamberk**
- Ira Sybolová, ul. Hubova 102, **27308 Pchery**

### Francio

Mi bezonas malnovajn kaj modernajn pm pri Esperanto (ĉiuj temoj akceptataj) por organizi ekspoziciojn en diversaj lokoj oficialaj: grandaj entreprenoj, ministerioj k. t. p. „Malpolverigu" viajn arkivojn kaj sendu al: Claude Gicquel, 38 rue Babeuf, **94600 Choisy-le-Roi**

### GDR

S-ino J. Winter **8501 Frankenthal,** Am Bach 2, dez. kor. tutmonde pri vojaĝoj, kol. bk, pm
Peter Kaiser, **5010 Erfurt,** Postbox 760, dez. kor. tutmonde pri muziko, vojaĝoj, literaturo, kol. pm
Sylvia Deuter, **1920 Pritzwalk,** Hainholzweg 27, (22j) dez. kor. tutmonde pri muziko, bestoj, vojaĝoj, E-movado
Wulf Schulenburg, **9200 Freiberg,** Turnerstr. 7, (41j.) dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.
Adelheid Schulz, **7500 Cottbus,** Damaschkeallee 37, (31j.) dez. kor. tutmonde pri familio, hejmo, ceramikaĵoj, vojaĝoj
Angelika Schlemmer, **8211 Somsdorf,** Alter Berg 29, dez. kor. tutmonde pri literaturo, muziko, E-movado
Lieselotte Schneider, **1502 Potsdam-Babelsberg,** Filchnerstr. 33, dez. kor. tutmonde pri E-movado, pentrarto, grafikoj k. s.
Vidvino dez. kor. tutmonde: Ilse Hennesser, **3270 Burg,** Martin-Luther-Str. 51
Ingeburg Richter, **9504 Bärenwalde,** Auerbacher Str. 130, (27j.) dez. kor. tutmonde pri beletro, pinglolaboro, astronomio, bestoj, floroj, kol. bk, pm
Martina Wenzke, **7500 Cottbus,** Bruno-Dickhoff-Str. 1, (28j.) dez. kor. tutmonde pri vojaĝoj, literaturo, E-movado, socio
Fervojisto, 37j. dez. kor. tutmonde pri turismo, fervojo, E-movado, E-literaturo: Wolfgang Mohr, **4301 Ditfurt,** Bahnstr. 35

### Soveta Unio

- 48j. dommastrino pri mastrumado, naturo: Oie Palias, **200016 Tallinn,** Liiva 15
- 30j. oficistino pri literaturo, muziko, vojaĝoj: Viive Tammepöld, **200026 Tallinn,** Akadeemia tee 48-157
- 14j. lernanto pri sporto, naturo: **200902 Tallinn,** Koondise 9-5, Raul Hindov

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. —
Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. —
Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckerei Aue, 9400 Aue,
Artikel-Nr. (EDV) 7928 3 2 16